# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo* *Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 06/04/2017 Tricentdeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au


Ekstudis pli ol **800,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# GRAMATIKA EKZERCO. 15.



Tre malofte la epitetoj, kaj neniam la suplementoj (= prepozitivoj), povas esti la kerno mem. Sed sufiĉe ofte tio okazas per la subpropozicioj. Jen ekzemploj:

1) (epiteto). MULTE (Subj.) dependos de la vetero, sed mi ne havas SUFIĈE da espero (Obj.).

2) (frazo). KE LI NE POVAS AŬDI CIN (Subj), kaŭzatas (de) KE LI ESTAS DUONE SURDA (Adjekto).

3). Ŝi deziras, KE MI JAM NUN RETRODONU LA LIBRON, KIUN MI PRUNTEPRENIS, KIAM MI VENIS MALPOST LA FERIO (Obj. post "deziras").

Ĉiu ajn vortspeco kaj kombinaĵo de vortoj povas kiel titolo aperi kiel kerno en propozicio. Tiukaze la tuta titolo funkcias kiel la kerno de frazparto, ne la individuaj vortoj, kiel en "Sur la luno" estas lia nova libro; kaj Mi ne jam legis "Post la milito" de Bernard Shaw; kaj Uzu "Fiulo" kiel titolon.

Notu ankaŭ, ke konjunkcioj inter du propozicioj kaj subjunkcioj inter propozicio kaj subpropozicio estas parto de la ilin sekvanta propozicio aŭ subpropozicio.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo



La 1an de Aprilo venis ses membroj: Roger, Chris, Eunice, John, Ian kaj Michael Peters.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo. Roger Springer*

(Por havi raporton en AE, via klubo bezonas sendi informon/raporton al AE)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE

★★★★

Franciska, saluton,
Mi konsentas kun vi ke la verkisto ja montras kaj tipan kaj senscian reagon pri Esperanto.
Mi ne subtenas lian vidpunkton, tamen.



Ĉu la artikolo pri lia libro en "Novaĵletero" 314 verŝajnis iom frivola?
Se jes, mi bedaŭras tion. Certe la intenco ne estis ofenda.
*Chris Holliss*

★★★★



Karaj, surprizas min legi, ke la angla ne havas akuzativon. Do, evidente "I see she." estas korekta angla lingvo, same "She loves I." :-)
Ĉu ne estas tiel, ke ankaŭ la angla havas akuzativon, sed ke ĝi ofte estas nevidebla? Fakte, ĝis nun mi ne renkontis lingvon, kiu ne per iu rimedo montras la diferencon inter subjekto kaj objekto. La akuzativ-problemo ne estas la -n en Esperanto, sed la fakto, ke multegaj homoj ne konscias, kiam kaj kiel ili montras la objekton en la propra lingvo.
Cetere mi plene konsentas kun Marcel, ke Esperanto ne estas absolute facila, sed nur kompare kun aliaj ekzistantaj lingvoj. Ĝi estas tiom facila, kiom eblas kaj tiom komplika, kiom necesas por povi esprimi ĉion, kion homoj povus emi esprimi.
Amike, *Peter Weide*

Mi rekomendas:
http://esperanto-gramatiko.saluton.dk




★★★★

Plaĉis al mi la diskutiga kaj detalema artikolo de Donald Rogers, espereble li ree verkos ion.
Li uzis vorton "precipitaĵo", kiun mi ne komprenis post legado de PIV
http://vortaro.net/#precipiti



sed duone post konsulto de vortaroj. Ĉu temas pri "pluvo" ?
Ankaŭ.
En "Saluto kaj peto el Germanujo" mi trovis e-istinon Christa Koß. Mi ŝatus kontakti ŝin, ĉar mi studis en urbeto Mittweida, nur 20 km norde de ŝia urbo Karl-Marx-Stadt.
Dankas *Bert Ŝuman*

★★★★



Anonco: Sekve al diro de Terry Manley ke li nemulte legas miajn gramatikaĵojn, mi konsilas al tiuj legantoj kiuj timas perdi la fidon en la pri Esperantologio malkompetentaj membroj de la Akademio de Esperanto ne legi tiujn artikoletojn.
*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# PARTOPRENU NIAN GAZETARAN KAMPANJON INFORMU PRI ZAMENHOF KAJ ESPERANTO

UNESCO
Organizaĵo de la Unuiĝintaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj Kulturo
La 100ª mortodatreveno de Ludoviko Zamenhof
Solenata sub la aŭspicio de UNESKO

Ni invitas vin vidi la progreson de nia paĝo pri la Zamenhof-Jaro www.zamenhof.life , kiu havas allogajn informojn por la ekstera publiko en 27 lingvoj.
La aŭspicio de Unesko al nia solenaĵo portas grandan oportunon por kapti la atenton de la amaskomunikiloj.
Ni prezentas sugestatan tekston kaj petas ĉiujn esperantistojn kontakti ilin, inviti ilin viziti nian novan paĝon kaj informi pri la evento.



Vizitu nian agad-paĝon http://www.gazetaro.org/eventoj/ , kie vi trovos tiun sugestatan tekston kaj vidos eventojn kaj novaĵojn sur niaj mapo kaj kalendaro.
*Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 676 2017-03-29*
*informis Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Bob Felby Mia infanaĝo (2)



Ĉar estis tro multekoste loĝi en la urbo de la reĝo - tiel oni nomis Kopenhagon tiam - kaj ankoraŭ nun, kvankam ne plu estas reĝo, sed reĝino de Danujo, ni estis devigataj foriri kamparen. Ni faris la malon al tio, kion faris siatempe la kamparanoj. Mi memoras, ke ni alvenis, en la posttagmezo, al malnova bieno iom okcidente de Kopenhago. Ni enportis niajn malmultajn meblojn kaj aranĝis ilin en la sidoĉambro, sed la litojn ni devis meti en la dormoĉambron, kiu situis supre, en la unua etaĝo. Por atingi la supran etaĝon necesis grimpi per ŝtupetaro simpla. Tion ni ĉiuj facile povis fari, tiam; hodiaŭ ni certe ne plu povus! Estis tamen ne tiom facile porti la litojn kaj ŝrankon supren. Miaj paĉjo kaj onklo Johano faris tion. Starante en la dormoĉambro mi povis vidi, tra la fendoj kaj krevaĵoj en la planko, miajn panjon kaj Gerda, kiuj staris malsupre en la sidoĉambro.

Venis Decembro kaj Kopenhago surmetis sur sin siajn plej belajn vestojn. Grandega kristnaskarbo staris sur la urbodoma placo, kaj ĉiuj grandmagazenoj brilegis per belgaj (pardonu, tio devus esti "belegaj") lumoj, sed ankaŭ per kristnaskaj donacaĵoj kaj ludiloj. Promenis sur la stratoj kristnaskuloj, kaj rubaĵvendantoj kriegis reklamante siajn varojn.

Estis decidite, ke ankaŭ ni devus vidi tiun mirindaĵon. Do iun posttagmezon miaj panjo, Gerda, Børge - tiu estas mia du jarojn malpli aĝa frato - kaj mi eniris la grandan, ruĝan buson, kiu veturos al Kopenhago. Ne kuniris mia paĉjo, kvankam li havis tempon; li estis ja senlabora. Ni do adiaŭis lin, kaj la buso foriris kun ni al Kopenhago. Tamen, kiam ni fine, iom poste, atingis la urboplacon, mi vidis, ke tie staras mia paĉjo atendante nin. En tiuj tagoj estis pli rapide iri per biciklo ol per buso. Ĉu ankoraŭ estas? Sed mia paĉjo biciklis nur por ŝpari iom da mono!

Mi estis ravita de la belegaĵoj ĉirkaŭ mi. Precipe la neonlumoj interesis min, ĉar neniam antaŭe mi vidis tiom da lumo. Precipe sur la tegmento de vestaĵvendejo estis iu tondilo, kiu fakte tondis. Sur la urboplaco mem staris la grandega kristnaska arbo, alta ĝis la ĉielo, aŭ almenaŭ preskaŭ tiom alta kiom la urbodoma turo. Sub la arbo sidis la gekristnaskuloj kun siaj infanoj, ĉiuj manĝantaj rizan kaĉon. Bele, eĉ belege!

Poste ni iris hejmen al nia malvarma loĝejo, sed kompreneble ni ne povis resti longe en tiu loĝejo. Ĝi estis tro malvarma, ĉar ĝi estis nur malnova bovinstalo, kaj post unu vintro tie, ni decidis refoje transloĝiĝi al Kopenhago. *Bob Felby*

# KIO OKAZAS EN MIA ĜARDENO.



Kiam mi en 1966 transprenis mian nunan loĝejon, la antaŭa posedanto ne longe antaŭ tio forhakis maturan cedron. Nur la jaron post tiu morto ĝiaj semoj ekkreskis, neniam antaŭe en ĝia vivo. Ŝajnas al mi ke semoj de cedroj (kaj de mia cipreso) scias aŭ sentas ke la patrino mortis kaj ke pro tio ili komencas vivi kiel junaj arboj. Ĉu iu scias pri tio? Mi povus, sed ne faros, forhaki nunan maturan cedron, por vidi kio okazos. Kaj mi verŝajne povus vendi la lignon, ĉar cedrligno havas la reputacion esti la plej taŭga ligno, kaj la plej kara, por uzi en la fabrikado de krajonoj. La ligno de cipresoj estas pli malkara, kaj malbonkvalita. Mi momente uzas tian krajonon, kaj akrigi ĝin per tranĉilo aŭ ĉizilo estas terureta laboreto. Sed ties fabrikistoj faras pli da profito.

En miaj rakontoj pri kio okazas en mia ĝardeno kaj en la naturo ĝenerale, mi ne estas spertulo, eĉ ne spertetulo, pri la botaniko. Mi simple mencias kion mi vidas, ne kion aliuloj scias. Mi nur iomete studis botanikon, kaj multon forgesis. Tial tre bonvenis kaj ĝuigis la pli profundaj kaj centprocentaj informoj kiujn Donald al ni kaj do ankaŭ al mi donis en n.ro 315. Multan dankon do! La situacio alias se temas pri lingvismaĵoj, ĉi kaze pri botanika fenomeno. En tio, nur en tio, mi estas spertulo kaj juĝas la lingvon kaj ankaŭ Esperanton, samtempe lerninte kaj lernante el antaŭaj spertuloj. En la unua situacio mi skribas kion mi malcerte observas, ne kion aliaj diras al mi. En la dua situacio mi skribas kion mi opinias per la helpo de tio, kion la aliaj opinias. Sciante ke etnaj lingvoj kreadas novajn vortojn ofte laŭ mallogika maniero se oni observas la originon de tiuj novaj vortoj, mi konvinkiĝas ke por etnaj lingvoj tio estas normala, ne malŝatinda. Etnaj lingvoj rajtas fari tion, kaj ĉio kion ili faras estas normala kaj akceptinda kaj ŝatinda. Por Esperanto la afero estas alia, ĉar la uzantoj devas uzi la vortojn sciante ilian logikan signifodevenon. Ankaŭ Zamenhof sciis tion dirante en dek-unu kazoj en sia Lingvaj Respondoj ke Esperanto devas esti logika kaj nur unu fojon defendis mallogikecon. Tial mi malaprobas la vorton "falfolia" kiel sensencaĵon nur en Esperanto, ĉar ne temas pri la falado de la folioj, kiuj ja ĉiuj falas. La kriterio estas la tempo de la falado aŭ de la ĉeesto sur la arbo. Tial mi uzas "sezonfolia" kaj "tutjarfolia", kiuj vortoj estas Fundament'ecaj kaj ne literaj tradukoj. Tiel mi samtempe helpas, ke Esperanto ne fariĝu tro eŭropeca, tro "falfolia". do pli internacieca. Eĉ "daŭrfolia" estas mallogika, ĉar la folioj ne daŭras eterne, nur kelkajn jarojn, kaj ankaŭ la folioj de la sezonfoliaj arboj daŭras, ja dum parto de la jaro. Do mi uzas "tutjarfoliaj" arboj.

En n.ro 135 mi plurfraze klarigis la solvon de Kvizo 3. Mi estus povinta doni ĝin en unu frazo: "Same kiel ĉe "brunokula" la finaĵo "-a" indikas adjektivon kaj la vorto ne venas el verbo "brunokuli", tiel same ĉe la angla browneyed la finaĵo "-ed" indikas adjektivon kaj la vorto ne venas el verbo to browneye aŭ to eye brown; simile ĉe strongheaded kaj brownbodied kaj strongworded kaj loudvoiced kaj simpleminded.

Mi trovis malfacila, priskribi la aferon de la horŝanĝo el somertempo al vintrotempo, ĝis mi ekkomprenis, ke la sesa horo en la somertempa naturo fariĝas la kvina vintra horo sur la horloĝo. *Marcel Leereveld*.



Margaret Chaldecott adresŝanĝis al „Tallwoods Corner" 1 Myra Strato, Wahroonga, 2076, Maljunula Flegadejo, ĉar ŝi kelkfoje ne povis libere movi sin kaj tiam bezonas fizikan helpon. Mi telefonis ŝin kaj ŝia cerbo funkcias bone. *Roger Springer*

# Esperanto en Eŭropo en la dudekaj kaj tridekaj kaj kvardekaj jaroj.



Por hodiaŭaj Esperantistoj, speciale en Aŭstralio, estas malfacila imagi, ke en la unua duono de la antaŭa jarcento en Eŭropo, por la laboristaj, politike maldekstraj, Esperantistoj, la politikaj idealoj kiel socialismo kaj komunismo kaj pacifismo kaj anarĥiismo estis pli gravaj ol Esperanto. Tamen ili traktis Esperanton tre serioze kiel idealon kaj studis la lingvon ĝenerale pli serioze kaj perfekteme ol oni faras nun ekzemple en Aŭstralio. La rezulto de tio estis unue ke ili parolis perfekte nian lingvon, sed ke aliflanke ili volis havi nenian kontakton kun la aliaj, politike nulaj aŭ maldekstraj Esperantistoj, konservativaj kapitalistoj aŭ malriĉaj sed kapitalismemaj, kaj nomitaj la neŭtralaj Esperantistoj.

Estante deksesjarulo kaj en la meza lernejo, lerninte Esperanton el de lecionoj en la katolika radiostacio, mi membriĝis en unu el la dek-ok laboristaj Esperanto-kluboj en Amsterdamo. Pro mia urbdistrikto en la sudo la membroj estis pli alte salajritaj ol en la pli malriĉaj distriktoj. Post unu jaro da membreco, aŭdinte la aliajn paroli sed mem ne kuraĝa, mi ekparolis kaj baldaŭ parolis same flue kiel la aliaj membroj. Mi ankaŭ trapasis mian unuan ekzamenon, kiel antaŭe faris la aliaj membroj. Ĝi okazis en la urbo ‘sGravenhage, por tuta Nederlando. En la parola parto la novbakita ekzamenisto demandis “Ĉu oni povas transitivigi verbon finiĝantan en “-igi”. Mi diris jes kaj li diris ne, kaj li iris al la ĉefekzamenisto, la fama Degenkamp, kiu diris jes kiam mi donis la ekzemplon “Mia patrino purigigis min, igis min purigi”. La ekzamenistoj en la dua, plej alta, ekzameno por instruistoj, kiun mi subiris, estis pli kleraj.

La nederlanda Laborista Esperanto-Ligo F.L.E. havis kvinoble pli da membroj ol la neŭtrala. Ĝi havis ĉiujare, je Pasko, sian kongreson, en kies kunvenoj rajtis publike diskuti, por savi tempon, nur unu reprezentanto de ĉiu el la eble kvindek kluboj. Tamen centoj da membroj partoprenis. Sed ĉar en kelkaj foraj vilaĝoj en la malurbo ne ekzistis klubo, tiea individua membro rajtis ankaŭ kundiskuti. Ĉar en certa iu jaro la prezidanto, Bas Wels, neatendite kaj tre ŝokante proponis al la kongreso havi regulan kontakton, por iom kune labori, kun la Esperanto-Asocio neŭtrala, pluraj delegitoj diskutis akre kaj forte kontraŭ tiu propono ĉar ĝi estis kontraŭ la interesoj de la laborista klaso. La kongreso malakceptis la proponon. Sed la proponinta prezidanto agis same politike kiel la nunaj aŭstraliaj politikistoj kaj sukcesis en sia granda urbo Roterdamo menspolucii (=brainwash) la membrojn. Do en la sekvonta kongreso li ree proponis tion. Ree multaj, precipe el Amsterdamo, parolis kontraŭ tio, kaj ankaŭ mi, kiu intertempe ekloĝis en vilaĝo kiel individua membro, plurfoje akre atakis la proponon, tiel ke la prezidanto poste akceptigis duan proponon, kontraŭ mi, ke individuaj membroj ne plu rajtos paroli en la kunsidoj. Intertempe la prezidantula propono akceptatis. En la kongreso sekvanta venis la propono malpliigi kelkajn rilatojn kun Sennacieca Asocio Tutmonda, S.A.T., kaj ree mi povis akre ataki tiun proponon ĉar intertempe mi starigis en mia vilaĝo Esperanto-klubon, kiu sendis min kiel delegiton al la kongreso. Tamen, nun pro la nova prezidanto Drees, la nederlanda laborpartia ĉefministro kiu post la mondmilito decidis deklari militon kontraŭ la naskiĝanta Indonezio, oni akceptis la proponon. SAT estis iomete kia la melburna ĵurnalo The Age, publikiganta ĉiujn artikolojn kontraŭ kaj iomete por la registaro.

Pro tiu lasta kongresdecido nia klubo, kaj poste aliaj kaj post tio regule pli da kluboj en la lando forlasis F.L.E. , kiu tre timis perdi pli da membroj. Mi estis tre aktiva en tiu agado, kaj mi deziris proponi starigi novan nederlandan Esperanto-organizon pli kunlaborantan kun

S.A.T. Sed la sekvontan jaron F.L.E. nuligis sian antaŭjaran decidon kaj reamikiĝis kun S.A.T. Tial la eksiĝintaj kluboj reaniĝis, kio ŝparis al mi multe da tempo, ĉar estis mi la redaktanto de ilia gazeto.

Sed baldaŭ venis la milito, kaj ni povis kunveni nur sekrete, kion ni faris. Sed la neŭtralaj Esp.istoj povis esti pli aktivaj, en la komenco de la germana okupado. Kaj unufoje ili aranĝis, en la centra urbo Utrecht, grandan kunvenon de Esperantistoj , en kiu partoprenis ankaŭ membroj de la katolika kaj protestanta asocioj. Mi estis la sola reprezentanto de la Laborista Asocio. La nura celo estis diskuti kaj akcepti proponon de iu sinjoro Manders, kiu deziris ke oni elĵetu el la Zamenhof'a Fundamento la regulon kiu diras ke la Rekta Objekto ricevas la akuzativan finaĵon "-n". Li evidente estis tre populara inter la neŭtralaj Esperantistoj en Nederlando. Post lia parolado klariganta la neceson ŝanĝi la Fundament'on, oni proponis ne diskuti pri la propono kaj tuj voĉdoni. Mi protestis, ĉar mi volis klarigi kial mi voĉdonos kontraŭ la propono, sed la kunvena prezidanto rifuzis. Mi tamen sukcesis krii al la kunvenantoj mian kontraŭecon, ĉar tio estus la komenco de la disfalo de Esperanto. Post tio oni manleve voĉdonis, kaj preskaŭ ĉiuj levis la manon por jes, kaj nur mi por ne. Cetere neniu konis min kaj mi konis neniun, ĉar neniu alia laborista Esperantisto venis al la kunveno, verŝajne ne sciante pri ĝi. Post la kunveno mi retrobiciklis la kvardek kilometrojn hejmen, kaj la aliaj iris en siaj aŭtomobiloj. La rezolucio iris al la Akademio, kiu malakceptis ĝin, kompreneble. Kelkajn jarojn poste la Akademio akceptis tiun sinjoron, nun doktoron, Manders kiel sian membron. D.ro Manders estis klera persono, sed ne sufiĉe klera por scii, ke li ne bezonis uzi sian rezolucion kontraŭ-Fundament'an, ĉar povis trovi alian, ĉifoje Fundament'ecan, manieron por ne uzi la akuzativon por la rekta objekto. Mi neniam mencias ĝin, ĉar mi opinias ke pli utilas al Esperanto uzi la de kelkaj malamatan "-n" ol ion alian. Kaj tial mi ĝojas, ke S.ro Manders estis klera sed ne sufiĉe klera.

Ĵus antaŭ la milito la nederlandaj SAT-anoj vojaĝis en malkare luita aŭtobuso kun luita ŝoforo tra Germanujo al la SAT-kongreso en Kopenhago, Danujo. Sed tra Germanujo la fenestroj devis esti blindigitaj per nemoveblaj kurtenoj, ĉar la germana registaro deziris, ke ni ne vidu la preparojn por la milito. Tuj trans la germana limo, jam en Danujo, la motoro ne plu volis funkcii, kaj devis riparati, en la malfrua mateno. Lerninte iom la danan lingvon, mi povis utili trovante ripariston, kaj informante Kopenhagon pri nia malfruo. Ni vojaĝis tra tuta Danujo dum la vespero, kaj do maltrafis la oficialan malfermon de la kongreso, sed bonŝance ni en la aŭtobuso povis aŭdi la tutan ceremonion, ĉar la dana nacia radio elsendis ĝin. Sed la danĝero dum tiu parto de nia vojaĝo estis, ke la sola ŝoforo veturis el la frua mateno kaj plurfoje dum la vespero ekdormis. Pro tio du el niaj membroj sidis apud li por veki lin kiam li ekdormis, ja dum la ŝoforado. Bonŝance la retrovojaĝo iris pli glate. Kaj ni havis bonegan kongreson kaj unutagan ekskurson al Malm'o en Svedujo.

Tuj post la milito la unua SAT-kongreso estis en Aarhus, ankaŭ en Danujo. Ĉifoje ni vojaĝis bicikle tra Nederlando, poste vagonare tra Germanujo, kaj post tio bicikle tra la dana Jutlando. En tiu de Usono okupita parto de Germanujo ni ne rajtis bicikli, nek piediri, do devis iri vagonare. La vagonaro haltis duonan horon en la stacidomo de Hamburgo, sed ni ne rajtis eliri sur la peronon. Intertempe la hamburgaj Esperantistoj sciis pri nia vojaĝo kaj vizitis nin sur la perono. Sed ili ne rajtis akcepti donacojn el de ni, kaj certe ne manĝaĵojn, ĉar la germanoj devis resti malsataj. Mi tamen eliris el la vagono por foti junan Esperantiston parolantan tra la fenestro kun mia edzino. Mi ankoraŭ havas la foton, kaj la junulo nomiĝis Volo Gueltling. Post dekkvin jaroj ni hazarde rerenkontis lin en Aŭstralio.

Cetere ruslandanoj antaŭ la milito ne rajtis esti membroj de SAT, ĉar la redaktoro publikigis same por- kiel kontraŭbolŝevismajn artikolojn, pro principo. Do ĉiuj komunistaj Esperantistoj en S.A.T. en la tuta mondo aniĝis al U.E.A. Kiel rezulto eĉ nun mi havas la impreson, ke UEA havas pli da maldekstraj membroj ol SAT, kiu ŝajnas burĝiĝi *Marcel Leereveld.* .

# Trevor Steele Parolis sur la loka radio



La 3-an de Aprilo Trevor Steele havis duonhoran intervjuon en la Komunuma radiostacio de Willunga. Temas pri ĉarma urbeto proksimume je unuhora distanco de Adelaide. Kompreneble, la temo estis Esperanto kaj la Esperanto-vivo de Trevor.
*Katja Steele*

## Perdita Amiko David Poulson



Estimata Christa Koß , Saluton.

Responde al via peto en AE 315: S-ro David Poulson, Esperantisto, Bibliotekisto ĉe la Universitato Edith Cowan en Perth, Okcidenta Aŭstralio, estis mia amiko. Lia laborejo estis ne tro malproksima de mia domo, do li ofte vizitis min por trinketo kaj babilado.

Li ja translokiĝis al Tajlando post lia eksedziĝo, sed bedaŭrinde li mortis pro kancero antaŭ pluraj jaroj. Jen la tialo por via perdo de kontakto kun la bona homo.



Amikajn salutojn, *Vera Payne*.



# La Melburna Esperanto-Asocio

## Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 2an de Aprilo ok homoj (inkluzive unu komencanto) kunvenis ĉe "Cafe Beer Deluxe" en Federation Square. Ni babilis kaj iomete teatrumis per improvizaĵoj.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 3an de Aprilo naŭ homoj kunvenis ĉe "Ross House" en la urbocentro. Ni babilis, daŭris la tradukadon de *mil kaj unu noktoj* kaj faris anagraman ekzercon, kiu estis kreita de Suzanne.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Dimanĉon 9an de Aprilo je 15:00 | Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square |
| Lundon 10an de Aprilo je 18:30 | Lunda kunveno ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |
| Sabaton 8an de Aprilo je 10:00 | Biciklado de Melburno ĝis Williamstown por tagmanĝo (kaj revene) |
| Sabaton 15an de Aprilo je 12:30 | Pikniko por memorigi la 100an datrevenon de la morto de Zamenhof, en Batman Park en la urbocentro, apud la rivero. |
| Sabaton 29an de Aprilo je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 717 Instagram – 54
Facebook – 284 Telegram – 18
Twitter – 203

*Joanne Johns*

# Torquay Esperanto Kafo Klubo

Restis mi en Canberra en Marto 2017. La grandega objekto estas en la ĝardeno de la Nacia Artgalerio de Aŭstralio ( National Gallery of Australia) en la Aŭstralia Ĉefa Teritorio (ACT) Eble ĉielaj homoj aŭ kreitoj povus vidi ĝin?



Kun multaj bondeziroj *Gary kaj Marumi Smith* membroj de la Torquay Esperanto-Kafo-Klubo

## LA APRILA NUMERO DE LA REVUO ESPERANTO ELŜUTEBLAS SENPAGE




Kadre de la festado de la Zamenhof-Jaro, la unua numero de la redaktoroj Dima Shevchenko kaj Anna Striganova estas libere elŝutebla de la retejo http://revuoesperanto.org/senpaga_aprila_numero dum la tuta monato Aprilo.

"Estas tre ĝojige, ke ĉiuj esperantistoj tra la mondo povas senpage elŝuti provnumeron de la revuo Esperanto por 'gustumi' ĝian enhavon, kaj aparte ni fieras, ke tiu ĉi numero estas la unua sub nia redaktado" - komentas Dima Shevchenko kaj Anna Striganova.

La redaktora paro jam arde pretigas la majan numeron; se vi volos legi ankau ĝin kaj ĉiujn numerojn aperantajn en la jaro 2017, vi povas aboni la revuon rekte aŭ aliĝi al UEA ĉe: http://uea.org/alighoj/alighilo. Se vi ŝatas helpi ke la revuo kaj la revua retejo estu laueble plej interesaj kaj buntaj, sendu viajn rekomendojn kaj kontribuojn al revuoesperanto@gmail.com!

Informis nin *Katja Steele*



**3ZZZ** **Pro tio ke la administrantoj de la radio3ZZZ decidis ne plu sendi leteron al ĉiuj membroj de la radio, mi uzas tiun bultenon por sciigi vin ke la jarkunveno de la grupo Esperanto en 3ZZZ okazos la 3an de Junio je la 2.00 posttagmeze en la kunvenĉambro de la radiostacio en Albert strato n°309 Brunswick. Rajtas ĉeesti tiuj, kiuj estas financaj membroj 28 tagojn antaŭ tiu dato. Krome en la elsendo de la 3a de Aprilo eblas aŭdi Marcel ,kiu legas sian artikolon pri la historio de Esperanto en Nederlando en la 30aj kaj 40aj jaroj kaj Matt invitas la aŭskultantojn pripensi la temon "rasismo"**

Informis la kunvokanto, *Franciska Toubale*

# Precipitaĵo

Pro la artikolo en AE 315 pri la termino "falfolia", Bert Ŝuman en Francujo komentis:

> Plaĉis al mi la diskutiga kaj detalema artikolo de Donald Rogers, espereble li ree verkos ion.
> Li uzis vort[on] precipitaĵo, kiun mi ne komprenis...
> http://vortaro.net/#precipiti
> sed duone post konsulto de vortaroj. Ĉu temas pri "pluvo" ?

Ankaŭ demandiĝis, ĉu la meteologia termino "precipitaĵo" eble estas anglismo.
Donald petis al Vilĉjo respondi al ĉi tiuj demandoj.

---

La internacia scienca koncepto ***præcipitation*** povas esprimiĝi — en la **kemio** kaj en la **meteologio** — en ĝiaj diferencaj nacilingvaj formoj, ekzemple:

- *precipitation*, angle,
- *précipitation*, france,
- *Präzipitation* (kemia), germane,
- *precipitazione*, itale,
- *presipitasi* (meteologia), indonezie,
  ktp.

Tiu internacia termino devenas de la latina vorto **præcipitatio**, kiu, en ĝia klasika senco, signifis "fal(ad)o". Tamen, en ĝia scienca senco, la termino *præcipitatio* kaj ĝiaj alilingvaj formoj povas havi du rilatajn sencojn:

- **agan sencon**, do "elfaligo", "elfalado" = "precipitado", "precipitiĝo"; kaj
- **rezultan sencon.** Ekzemple, en la **meteologio**, akvo (pluvo, hajlo, neĝo, grajlo) falanta kaj falinta el la ĉielo estas *præcipitatio*, *precipitation*... ; sed notu, ke en Esperanto tio nomiĝas "precipitaĵo".

En la **kemio**, por la **rezulta senco**, oni uzas la formon **præcipitatum** latine, *precipitate* angle, *précipité* france, *Präzipitat* germane. En Esperanto, tio ankaŭ nomiĝas "precipitaĵo", aŭ eĉ "precipitato".

En multaj lingvoj, uziĝas naciaj vortoj aldone al, aŭ anstataŭ, tiuj internaciaj terminoj. En la germana, ekzemple:

- oni tre ofte uzas la nacilingvajn **kemiajn** terminojn *Fällung* (precipitado), *Abscheiden* (precipitado, apartigo), kaj *Niederschlag* (precipitaĵo)**,** anstataŭ la internaciajn terminojn *Präzipitation*, *Präzipitat*; kaj
- en la **meteologio**, oni ĉiam uzas la nacilingvan terminon *Niederschlag* (precipitaĵo).

Resume:

| | **latine** | **angle** | **en Esperanto** |
|---|---|---|---|
| **Kemio, aga senco** | præcipitatio | precipitation | precipitado, precipitiĝo |
| **Kemio, rezulta senco** | præcipitatum | precipitate | precipitaĵo, precipitato |
| **Meteologio** | præcipitatio | precipitation | precipitaĵo |

Vilĉjo Aldridge